# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

## FRANCA ESPERANTISTO

30 DEC. 1968

Fondée en 1908 — 36e année — 3e série - No 255 - NOVEMBRE-DECEMBRE 1968

# STRASBOURG



## Urbo de la Unua Franca-Germana Esperanto-Kongreso

*Pasko 1969 (4-8-IV-1969)*

**Strasburgo kaj la tieaj samideanoj ĝojas vin akcepti okaze de la Unua Komuna Kongreso dum Pasko.**

**Strasburgo, ĉefurbo de Alsaco fieras pri sia pasinteco preskaŭ dumil jaraĝa...**

(daŭrigo p. 90)

# FRANCA ESPERANTISTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)**
**34, Rue de Chabrol, Paris X^e - C.C.P. 855-35 Paris**
ABONNEMENT ANNUEL : **30 Francs.** — Le Numéro : **3 Francs** (CCP 855-35 PARIS)

**Rédaction provisoire :**

**J.-A. ROUSSEAU**
U.F.E., 34, rue de Chabrol
PARIS (10e)

—

Les textes à publier doivent être toujours dactylographiés avec double marge et double interligne.

—

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photographies.

—

Les manuscrits non insérés ne sont pas renvoyés.

—



## Personnalités françaises patronnant l'action d'information sur l'Espéranto

M. **Maurice GENEVOIX,** de l'Académie Française ;
M. **Jean ROSTAND,** de l'Académie Française ;
M. **Charles MAURAIN,** de l'Académie des Sciences ;
M. **Maurice FRECHET,** de l'Académie des Sciences ,
M. **Charles CAMICHEL,** de l'Académie des Sciences ;
M. **Georges AURIC,** de l'Académie des Beaux-Arts ;
M. **Jean CHARBONNEAU,** général, de l'Académie des Sciences Coloniales ;
M. **Pierre ESCOUBE,** Conseiller-Maître à la Cour des Comptes ;
M. **Henri BAÏSSAS,** Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
M. **Paul MAUREILLE,** Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
M. **André ALLIX,** Recteur d'Académie ;
M. **Maurice BAYEN,** Recteur d'Académie ;
M. **Emile DELAGE,** Recteur d'Académie ;
M. **Paul GERVAIS,** Inspecteur principal (Service Académique Jeunesse et Sports) ;
M. **René COUTEAUX,** Professeur à la Faculté des Sciences ;
M. **André CAILLEUX,** Professeur à la Faculté des Sciences.

## SOMMAIRE — ENHAVO

OFICIALAJ KOMUNIKOJ DE U. F. E.

# Modifoj en la Jarlibro 1967-1968 :

**Konsilio :**

Anstataŭigi la nomon kaj adreson de D-ro Berlot per : S-ino Francine Ballaven, 18, avenue de Villiers, 75 - Paris (17e).

Ŝanĝi la adreson de Ditacroute Fernand : 178, Chemin Castre (sama ŝanĝo sur la paĝo 11-a)

**Estraro :**

Bonvolu modifi : Help-sekretariino : S-ino F. Ballaven. Sekretario pri financoj : P. Royer.

FEDERACIOJ :

**Normanda Federacio — Fédération Normande des Centres Culturels « Esperanto » :**

*Adreso :* ĉe la Prezidanto.
*Teritorio :* 14 - Calvados, 27 - Eure, 50 - Manche, 61 - Orne, 76 - Seine-Maritime.
*Prezidanto :* S-ro E. Jouis, 621, rue Georges-Mugnier (76) Boisguillaume.
*Sekretario :* S-ro P. Pottier, 50, Résidence Fief-de-Caux (76) Yvetot.
*Kasistino :* S-ro J. Vincent, rue des Oiseaux (27) Les Andelys.
P. ĉ. k. : Fédération Normande des Centres Culturels Esperanto — Rouen 2 348 06 Z.
*Lokaj Societoj :* (14) Vire, Lisieux — (27) Les Andelys — (61) Domfront — (76) Cléon, Fécamp, Le Havre, Rouen, Yvetot.
*Organo :* ĉar la federacio ĵus naskiĝis, ankoraŭ ne estas ligilo. (Normanda E° Bulteno estas la organo de la « Normanda Unuiĝo » sendependa kaj tute aparta organizaĵo).

**Sudfrancia-Pirinea Federacio — Fédération Midi-Pyrénées pour l'Esperanto :**

*Pagu al :* Fédération Midi-Pyrénées pour l'Espéranto — —P. ĉ. k. 312.64 Toulouse.

**Norda Federacio — Fédération Espérantiste du Nord de la France :**

*Kasistino :* F-no Leclercq Mireille, 3, rue des Vergeaux (80) Amiens.
*Organo :* « Norda Gazeto », dumonata (Red : S-ro L. Bourgois, 25„ rue Gambetta (62) Noyelles-Godault — Tél. : 20.23.32 en Hénin-Liétard — Abonprezo : 3 F.

**Centro-Okcidenta Federacio — Fédération du Centre-Ouest des C.C.E.O**

**TOURS.** — Kunvenejo de « Centre Culturel Esperanto » : 1, r. Lavoisier 37-Tours, ĉambro n° 96. La kunvenoj okazas ĉiuĵaŭde je la 18 h. 45. Sendi la korespondaĵojn al la prezidanto : S-ro Motillon, 7, Square Francis-Poulenc (37) Tours.

**J.E.F.O. — Junulara sekcio de U.F.E:** *Sekretario :* vakas.

**Societaj Bultenoj :** « La Langue Internationale » ne plu aperas.

**Franca Fervojista Esperanto-Asocio :**
*Sekretario :* S-ro H. Bernier, 190 bis, avenue de Clichy (75) Paris (17e) anstataŭ S-ro Coyac.

**Ligue Française Catholique Espérantiste (L.F. C.E.)**
*Prez :* S-ro R. Colas, 6, rue de Mézières, Paris (6e).
*Sekr :* S-ro J. Barrier, 89, rue Roger-Salengro, 93 - Drancy.
*Kas :* S-ino J. Vincent, rue des Oiseaux, 27 - Les Andelys.
*Pagu al :* L.F.C.E. p. ĉ. k. Rouen 2324 93 K (kotizo : 3 F.).
*Organo :* Franca katolika esperantisto, trimonata (Red : S-ino J. Vincent).

# Kultura semajno

Pro la okazigo de la nacia kongreso dum Pasko, la Kultura Semajno de U.F.E. okazos en 1969 de la 13-a ĝis la 20-a de Julio, en la kastelo Grésillon.

# Federaciaj Kongresoj

La Federacioj estas petataj konigi al la Sekretariato en Chabrol, kiel eble plej frue, la daton kaj lokon de la federaciaj kongresoj ; poste ili sendu rapide mallongan raporteton.




Antaŭ Kristo « Argentoratum » estis fortika urbo de la malproksima sed tiel potenca Romo. Komence de la Va jarcento, kiam la potenco de Romo estiĝis nur memoro, la invadantoj alkuris kaj tute ruinigis la urbon. Sed, dum la sekvanta jarcento, nova urbo renaskiĝis kaj alprenis novan nomon « Strateburgum », urbo de la vojoj.

Kaj efektive, pluraj surteraj vojoj kondukis al aŭ el ĝi; eĉ Rejno estis jam bela kaj larĝa ligilo kun la eksteraj landoj. Tiu facileco por atingi la urbon estis la kaŭzo, ke tre ofte invadantoj vizitis ĝin; plurfoje ĝi estis detruita, bruligita kaj rekonstruita. Ĉiufoje la novaj fortikaj muroj fiere staris iom pli eksteren de la antaŭaj ruinigitaj. Samtempe ĝia famo grandiĝis tra la tuta Eŭropo.

En la jaro 842, ĉe la fortikaĵoj de la urbo, la filoj de Ludoviko Ia (La Trocedema) : Karlo-la-Kalva kaj Ludoviko-la-Germana, akordiĝas kontraŭ sia frato Lotairo kaj ĵuris unu la alian reciprokan helpon.

Tiu kontrakto de Strasburgo ankoraŭ nun estas fama, ĉar por la unua fojo oni uzis samtempe du naciajn lingvojn por redakti kontrakton internacian. La du fratoj partigis inter si la vastan imperion de Karlo-La-Granda. Ludoviko heredis interalie Alsacon : ĝis la XVIIa jarcento la tuta Provinco fariĝos parto de la Sankta Germana Imperio.

Por la urbo mem, tiam komenciĝas severa regno de la Princoj-Episkopoj. Sed la loĝantaro, kiu de ĉiam sopiris al libereco kaj sendependeco, fervore kaj tre longe luktis por ilin akiri. Finfine dum la XIIIa jarcento ili sukcesis : en la jaro 1262 ili proklamis Strasburgon « Sendependa Respublika Urbo ».

Tiam literaturo kaj artoj prosperis; inter aliaj famaj faroj, la nuna Katedralo, ŝtono post ŝtono komencas stariĝi.

Denove, dum la XIVa kaj XVa jarcentoj okazis longdaŭraj luktoj. Tiufoje staris unu kontraŭ la alia, korporaciaj influoj de la patricioj kaj de la metiistoj.... Kiam la Popolo fintriumfis, ĝi proklamis sian Demokratan Konstitucion.

Aliflanke, fama evento okazis en la urbo inter la jaroj 1434 kaj 1444 : Gütenberg, rifuĝinta en Strasburgo provis sian genian eltrovon, la modernan presadon. Lia statuo staras meze de Placo Gütenberg. Malantaŭ ĝi staras la Komerca Palaco (Chambre de Commerce) konstruita laŭ tre pura Renesanca stilo (1582-1585).

Dume, la konstruado de la Katedralo daŭriĝis. En la mezo de la XIVa jarcento, la posteuloj de Erwin de Steinbach kunligis la du turojn, kiuj formis tiam kvazaŭ terason; kaj por aldoni al la strangeco de tiu novaĵo, nur la nordan turon ili plialtigis : tiele la fasado ŝajnas esti ne la fronto sed la profilo de alta kaj mallonga preĝejo. En la jaro 1439 Jean Hülz finkonstruis la pintan turon (142m. alta), tiam rigardata kiel la oka mirindaĵo en la mondo; kaj vere la ses etaĝoj da turetoj estas majstraĵo de gracieco kaj delikateco, vidataj de malproksime en la ebenaĵo.

En la sama epoko oni finkonstruis la Preĝejon Sta THOMAS (protestanta), en kiu troviĝas la tre bela maŭzoleo de Marŝalo de Saxe; kaj ankaŭ la vizitindan Preĝejon St Pierre-Le-Jeune (Sta Petro-La-Juna), kie matene de la Paska Dimanĉo okazos la diservo por la Kongresanoj (protestantoj).

Vi sendube fotografos la kvar kvadratajn turojn, starantajn gardistojn kaj restaĵojn de iamaj fortikaĵoj (Ponts Couverts). Vi ankaŭ promenados tra la mezepoka kvartalo « Petite France » (nomita : Eta Francujo).

Dum la XVIIIa jarcento, la politikaj ŝanĝoj, kiuj aliigis Eŭropon, skuis ankaŭ la urbon : en la jaro 1648, la Kontrakto de Münster fariĝis la unua paŝo de l'aliĝo de Alsaco al la Franca Krono; aliĝo kiu efektiviĝis en la jaro 1678 (Kontrakto de Nimègue).

Sed la menso de la Strasburganoj ne ŝanĝis pro tio : ili petis por sia urbo, tiam metropolo de Franca Provinco sub regno de absoluta monarkio, ke ĝi gardu sian Demokratan Konstitucion.

Ludoviko la XIVa konsentis kaj Strasburgo estiĝis Reĝa Libera Urbo. Iom pli poste, oni konstruis por vi kongresanoj de la Unua, la tre belan Kastelon Rohan (1730-1741); verdire ĝin konstruigis la Kardinalo Princo-Episkopo Armand-Gaston de Rohan-Soubise. La sekvantan jarcenton elteriĝis la Urbodomo, la Prefektodomo kaj multaj luksaj burĝaj domegoj.

Kompreneble, ekde la jaro 1789, la Strasburganoj grandnombre aliĝis al la novaj ideoj de la Granda Revolucio. La impona Federacia-Rejna Festo (1790) naskiĝas potencajn ligilojn inter Alsaco kaj la ceteraj Francaj Provincoj. Plue, neniu forgesis ke « La Marseillaise » (marseljeso) la nacia himno, malgraŭ sia nomo estis unuafoje kantita en Strasburgo (1792) en salono de la iama urbodomo.

Kiel en la tuta Eŭropo, la XIVa jarcento markis la urbon per sia sigelo de mekanismo : multaj uzinoj, teksaĵejoj kaj diversaj ceteraj fabrikoj prosperis kaj multe riĉigis parton de la loĝantoj.

La historio de Alsaco kaj de Strasburgo ekde la fino de l'jarcento pasinta, estas en ĉiuj memoroj.

Sciu tamen ke ĉiam, kiam la sorto destinis al ili novajn mastrojn, tiuj klopodis plibeligi sian posedaĵon kaj kreskigi ĝian komercan kaj industrian potencon.

Tiele oni konstruis por la ĉefurbo de tiu « Reichsland » pli larĝajn stratojn kaj pli modernajn konstruaĵojn : la Universitatan Palacon, La Bibliotekon, la Cefpoŝtoficejon, la Stacidomon, la Rejnan Palacon... Samtempe la unuaj basenoj de la haveno estas refositaj.

Tiele, depost 1920, ĝia ekonomio libere kaj tre rapide progresis; novaj aŭ renovitaj, entreprenoj kaj firmoj naskiĝis : estas uzinoj, tanejoj, bierfarejoj kaj diversaj aliiĝantaj industrioj.

Alia milito (mi parolas pri la lasta) kaŭzis ankoraŭ foje gravajn detruojn; sed ankoraŭ foje novaj kvartaloj konstruiĝis en la ĉirkaŭaĵo kaj eĉ en la urbo mem, kiel en la vasta areo nomata « Esplanade ». Tie, meze de longaj pluretaĝaj novaj domoj, troviĝas la plejmulto de la Fakultatoj kaj interalie tiu pri Literaturo kaj Humanaj Sciencoj en kiu ni kongresos.

Ni ne forgesu la havenon, unu el la ĉefaj en Francujo; ĝi kuŝas preskaŭ sep kilometrojn laŭlonge de la Rejno, kaj etendiĝas ĝis proksime de urbocentro. Pli ol 20 000 riverŝipoj jare ĝin vizitas. Estas vera plezuro promeni per ŝipeto inter ĝiaj rivbordoj.

Ja, oni konstruis multe kaj ĉie en Strasburgo dum la lastaj jaroj, sed la urbo ĵaluze gardis siajn mezepokajn domojn laŭlonge de malrektaj stratetoj : « Petite France » per sia ĉarma kaj milda etoso de l'antaŭaj epokoj ravas agrable kaj melankolie la vizitantojn.

La Granda Strasburgo nombras nun pli ol 300 000 homojn. Meze de la ses landoj aliĝintaj al la komuna Merkato, la urbo pli kaj pli alrigardas al Eŭropo kaj en ĝia Eŭropa Domo oni multe parolas pri tiu malnova kontinento nia, kiu deziras ludi denove ĉefan rolon en la moderna mondo.

La estraranoj de GEA kaj de UFE ne povis elekti pli taŭgan urbon por sia unua Kongreso.

Via alveno grandnombre, kaj la alta nivelo de la debatoj inter la junuloj kaj inter la plej aĝuloj montros al ĉiuj, ke Esperanto restas la sola lingvo, kiun bezonas homoj el diversaj landoj...

...Iam, ĉe la fortikaj muroj de Strasburgo, Ludoviko-la-Germana kaj Karlo-la-Kalva, kvankam fratoj, uzis du naciajn lingvojn...

La Historio ne rekomenciĝu pro nia kulpo !

F. P. KNECHT.

# UNUA FRANCA-GERMANA ESPERANTO-KONGRESO

(Pasko 1969) - 4 - 8 - IV - 1969

**2-a Komuniko**

La aliĝkotizoj estas fiksitaj jene :

**ĝis la 31-12-1968**

kongresan(ino) .......... 17,50 F.
Edz(in)o, infanoj, Junuloj .. 8,75 F.

**Ekde la 1-a de Januaro 1969 :**

Respektive 21 F. kaj 10,50 F.

**Pagu la aliĝon al :**

CENTRE CULTUREL ESPERANTO
C.C.P. 499-17-T STRASBOURG

**Skribu al :**

S-ro F.P. KNECHT
1, Résidence Les Fleurs,
67 - LINGOLSHEIM

**Ekskursoj :**

Estas antaŭviditaj ekskursoj laŭ la Alsaca-Vinstrato al Haut-Königsbourg (12 F.) kaj post-kongresa ekskurso al Norda Alsaco, Rastatt, Baden-Baden (tagmanĝo), tra la Nigra Arbaro al Oberkich, Kehl kaj Strasburgo (20 F.).

**Vizitoj :**

Dum via restado en la kongresa urbo, vi povos viziti interesajn muzeojn, promeni per ŝipo sur la Rejno (1 h. 30 : 3.30 F. ; 3 h. : 4,40 F.).

**Fakuloj :**

La membroj de la fakasocioj estas petataj antaŭvidi fakajn kunvenojn en la kadro de la kongreso, kaj anonci sin sufiĉe frue al S-ro KNECHT. Jam E.L.F. (Esperantista Ligo Filatelista) anoncis sin.

**Propagandu** la kongreson per belaj glumarkoj eldonitaj de la L.K.K. (30 ekz. = 1 F.). Mendu ilin al S-ro KNECHT, aŭ al U.F.E.

**La L.K.K.**

# ALVOKO AL ĈIUJ ESPERANTAJ GRUPOJ

**La 16-22-an de februaro 1969 ni festos** Semajnon de Internacia Amikeco.

**Pri la celoj de la Semajno vi certe jam legis aŭ aŭdis : Fari la ideon pri amikeco trans limoj naciaj, rasaj, lingvaj, politikaj kaj religiaj vivanta al ĉiuj homoj. Tio estas ja la baza ideo de Esperanto. Samtempe ni volas fari Esperanton pli konata inter ĉiuj homoj kaj en tute alia maniero. Ni ankaŭ volas krei belan tradicion inter la esperantistoj ĉirkaŭ la Semajno.**

**Por realigi tion ni petas ĉiun grupon aŭ lokan societon de esperantistoj en la tuta mondo aranĝi festan kunvenon por siaj membroj jam la 15-an de februaro en la vespero. Ni proponas inter alie jenajn erojn en la programo : Komuna manĝado, skribado de kartoj al geamikoj en aliaj landoj (kon multaj subskriboj). Uzu prefere por tio la t.n. amikokartojn kun la emblemo. Tiaj estos haveblaj inter alie per la libroservo de U.F.E.**

**Ni festu la Semajnon sub la devizoj :** Amikeco trans limoj kaj Amikeco faras vivon pli riĉa, tial ni kulturu ĝin per afableco.

**Bona ideo estas ĝemeligi vian societon kun unu aŭ du Esperantaj societoj eksterlandaj ĝis Semajno de Internacia Amikeco. Oni ofte ĝemeligas urbojn. Kial ni, kiuj ne havas inter ni lingvajn malfacilaĵojn, ne eluzu la belan penson pri ĝemeligo inter niaj societoj. Tio povus aktivigi la societojn kaj grupojn kaj iom post iom fariĝi interesa ĉeno de kontaktoj per Esperanto tra la tuta mondo. Pri la laboro inter ĝemeligitaj societoj ni skribos artikolon en Revuo Esperanto (kun peto pri represo en la Esperanta gazetaro).**

**La Internacia Komitato :**

André Bourdeaux,
**Paris. Francujo.**

Erik Carlén,
**Hällbrottet, Svedujo.**

Frank Helmuth,
**La Jolla. Cal., Usono.**

Prof. D-ro Ivo Lapenna,
**Londono, Britujo.**

# Traduka konkurso por la lingvoamantoj

TIPAJ SOLVOJ

Teksto n° II, 3 — *De la littérature en espéranto*

Ceux qui ont assisté dans ce théâtre à l'une des deux dernières soirées et ont entendu les acteurs de « Kaatje » en faire résonner les belles phrases harmonieusement rythmées, se sont convaincus plus sûrement encore que notre langue est tout à fait propre à la littérature, et que parmi les langues les plus mélodieuses dans le monde elle tient une place sans aucun doute excellente.

Sur le terrain de la littérature nous vivons davantage par le cœur, et il ne peut être que bon et utile de nous placer pour un moment dans cette atmosphère de foi et de beauté, car nous nous sentirons ainsi plus proches de l'idéal et de l'âme véritable de notre mouvement tout entier.

Certains nous ont reproché de cultiver la littérature en espéranto, et d'autres de ne pas en avoir. Ces critiques s'annulent les unes les autres.

Comment serait-il possible qu'une langue pût vivre sans littérature ? Celle-ci est nécessaire pour une langue vivante comme le cœur pour un être vivant. La littérature, pour toute langue, est le centre régénérateur vers lequel le sang afflue pour se purifier et d'où il repart ensuite dans toutes les parties du corps. Une langue ne peut pas être donnée sur commande rien que pour le commerce et la science.

Comment quelqu'un pourrait-il interdire qu'il y eût des hommes qui veuillent parler avec plus d'art et de recherche que d'autres ? En tout homme se cache quelque aspiration à la beauté. Aux temps préhistoriques déjà les hommes ont voulu avec quelques pierres aiguisées sculpter des formes dans les meubles grossiers qu'ils se taillaient dans le tronc des arbres tombés. Ce fut là, de l'art, l'humble commencement.

Dans le domaine de la parole également, il y eut bientôt des artistes qui voulurent chanter des phrases rythmées ou conter dans une langue plus belle que celle de tous les jours. Comment serait-il possible d'interdire que quelqu'un de talent écrivît ou parlât de façon plus élégante que son voisin, qui n'utilise la langue que pour commercer, ou donner des ordres en des phrases courtes et rapides ?

Edmont Privat. « Junaĝa verkaro ».

***

NUPTA NOKTO

Teksto n° II, 4.

Ni kune promenis tra la urbo, malrapide, babilante. Jen tia estis nia edziĝvojaĝo. Bela vojaĝo. Kaj, ĉe eknoktiĝo, ni revenis en nian novan hejmon, loĝejon je cent dudek kvin frankoj monate, kiun ni intencis mebli en posta tempo. Ni preĝis kune, por la unua fojo. Ni legis kelkajn paĝojn, kaj kune meditis. Kaj jen tio estis ĉio. Ni kisis unu la alian, mia edzino iris por dormi. Kaj mi dormis aliloke. Kaj ni estiĝis edzo kaj edzino nur kelkajn tagojn poste.

Iuj eble ridos. Ili diros :

— Infanece !

Sed mi ja scias, ke tiu ofero estis por ni utila. Tiun oferon mi faris por iam havi unu filon pastro. Rekompencon mi baldaŭ ricevis. Mia edzino sekve pli multe min estimis kaj amis. Mi ŝin tiel nek ŝokis, nek vundis. Ni havis tempon por familiariĝi kaj kutimiĝi unu al la alia. Ni povis fariĝi geedzoj sen ofendado, sen honto, sen ĝeno, ĉar kelkaj tagoj de komuna vivo nin preparis al tio.

Estas al mi iom peze tion priparoli. Mi tion faras por utili al la gejunuloj ; por ke ili sciu, ke tia agmaniero estas ebla, facila. Ankaŭ ke, se tio estas ne por ĉiuj konsilinda, ili estos ĉiaokaze, tiel agante, nek ridindaj,, nek stultaj ; kaj ke, male, tiu pruvo de respekto por tiu, kiu estos la kunulino de ilia tuta vivo, tiu ofereto konsentita al ŝia junulina pudoro, havigos al ili, krom ŝia dankemo, plibeligon kaj purigon de ilia amo, por la tuta vivo.

Maxence Van der Meersch.
« Pêcheurs d'hommes ».

***

KOMENTOJ

La partopreno estis ĉi-foje malpli granda : nur 11 konkursantoj. Tiun fakton ni ŝuldas verŝajne al la malfrua apero de la julia numero kaj al la ferioj. Ni kompreneble plilongigis la limtempon de respondo. Nur 3 montris la originon de la esperanta teksto, kaj neniu tiun de la franca. Ĉu M. Van der Meersch, iama « best-seller », estas nun tiel forgesita ? La teskto II ; 3, estis sufiĉe facila, kvankam la foj-foja lameco de la Privat-a stilo povis ja iel cerbumigi la konkursantojn.

— A DEUX — Kvankam « duope » estas gramatike pravigebla, stile estas prefer-inda « kune », ĉar ĉe « duope » oni sentas « deux par deux », kaj niaj herooj estis fakte nur du : *kune.*

— APPARTEMENT — « apartamento » estas komforta, luksa ĉambraro : « reĝaj apartamentoj ». Ĉi tie temas pri malkara loĝejo.

— A 125 FRANCS PAR MOIS — *po* 125 *fr.*, kaj ne « po monate ». (po = à raison de.)

— ON A FAIT SA PRIERE ENSEMBLE — « Oni » ne estas la pronomo de la 1-a persono plurala, sed ja *ni.*

— ON S'EST EMBRASSES — « interkisis », « ni kisis nin » estas ne elegantaj kaj ne ĝustaj esprimoj : *ni kisis unu la alian.*

— DE MON COTE — « miaflanke » povus supozigi, ke la edzo dormis surflanke ; li fakte dormis aparte, *aliloke.*

— LE PREMIER RECOMPENSE — Neniu estis rekompencita kiel dua ! La aŭtoro volis esprimi, ke la rakontanto estis tuj rekompencata : baldaŭ.

— SANS FROISSEMENT, NI..., NI... — Vidu la P.V. : « Nek... Rim. Post *sen* oni uzas prefere *kaj* ol *nek...* ». Mi preferis ripeti *sen.*

— IL M'A COUTE... JE LE FAIS — Li rakontas, parolas en la *prezenco.*

— EPREUVE DE RESPECT — Bedaŭrinda preseraro anstataŭ PREUVE ! Sed la senco estis ja evidenta ; nur unu konkursanto reĝustigis per : *pruvo de respekto.*

***

— RITMITAJN SILABOJN — Pli ĝuste *phrases.*

— NI VIVAS PLI MULTE PER NIA KORO — Iom nebula esprimo ! La ĝusta traduko estus : « sur le terrain de la littérature, le sentiment importe davantage... ». Por ne tro deflankiĝi, ni tamen konservu *par le cœur.*

— INTERNA IDEO — Netradukebla laŭlitere en la franca ; aŭ ĝin konservi en esperanto interkrampe, aŭ tute simple *l'idéal.*

— BELIGA CENTRO EN KIU ALFLUAS LA SANGO — Ĉi tie la aŭtoro uzas du bildojn ne bone kongruantajn. « Reboniga centro » estus pli ĝusta. Tial, iom elaste, *centre régénérateur.*

— VIVANTA KORPO — Ne necesas ankoraŭfoje diri « vivanta » ; simple *corps.*

— PINTAJ PECOJ DE ŜTONO — La prahomoj pintigis la ŝtonojn ; sekve *aiguisées.*

— MEUBLES — Kompreneble, tiam ĉiuj fabrikitaj objektoj, ne temas pri « buffet Henri II ».

— MALLONGAJ FRAZETOJ — Senutila rediro ; *phrases courtes.*

***

La gelegantoj estas petataj traduki la du jenajn tekstojn kaj sendi siajn provaĵojn ĝis unu monato post la aperdato de la koncerna numero, al : U.F.E. T.K., 34, rue de Chabrol, Paris, (10e).

Teksto n° II, 5 — (el esperanto en la francan).

« La nuntempaj lingvistoj simple ignoras... »

Vere, ni ne povas flati al ni, ke nia lingvo donus al esplorantoj la ŝlosilon de la pensofunkciado aŭ de la parolorigino. Tamen estas fakto, ke la uzado de unu sama lingvo far de homoj edukitaj en plej malsamaj nacilingvoj, ke la maniero, kiel Hungaro, Italo, Ĉino, Anglo aŭ Japano adaptas sin al la vortfarado kaj frazaranĝo de Esperanto, ke la reagoj de tiel diversaj spiritoj al la strukturo de lingvo, kiu ne estas trudita al ili de ekstere, sed kiun ili sentas sia propra, ĉio tio povus doni utilajn lumojn por la tiel diskutata demando, ĉu ekzistas ia absoluta gramatiko, ia baza logiko komunaj al ĉiuj homoj. Estas alia fakto, ke Esperanto publikiĝis en 1887, ke ĝi tiam estis nur kabineta projekto sur kelkaj paĝoj de broŝureto, kaj ke de tiam ĝi fariĝis vivanta lingvo de kelcent mil anoj — alivorte, ke, por la unua fojo en la homa historio, oni povis ĉeesti la naskiĝon de nova lingvo ; temas pri tute alia fenomeno, kaj ege pli grava por la scienco, ol la simpla reaktiviĝo de « mortinta » lingvo, kiel la hebrea aŭ la eira, kiuj havis en la pasintaĵo amplekan literaturon kaj neniam estis vere ekster uzado, eĉ se nur inter pastroj kaj erudiciuloj ; temas ĉi tie pri absoluta komenciĝo — kaj eble el la pristudo de tiel unika fenomeno la specialistoj povus tiri valorajn konkludojn kaj konstrui fortikajn hipotezojn pri la socia naturo de lingvo, pri ĝia tradicia kaj afekcia karaktero, pri la vojoj, laŭ kiuj ĝi disvastiĝas, ktp. Nu, tiujn du faktojn la nuntempaj lingvistoj simple ignoras — ĉar estas tamen neverŝajne, ke ili tute nescias ilin.

Teksto n° 11, 6 — (el la franca en esperanton).

LE FORT ET LE SAGE

Le Pape, qui jusque-là n'avait cessé de demeurer sans mouvement, comme une statue égyptienne, releva lentement sa tête à demi baissée, sourit avec mélancolie, leva ses yeux en haut et dit, avec un soupir paisible, comme s'il eut confié sa pensée à son ange gardien invisible :

— Commediante !

Bonaparte sauta de sa chaise et bondit comme un léopard blessé. Une vraie colère le prit ; une de ses colères jaunes. Il marcha d'abord sans parler, se mordant les lèvres jusqu'au sang. Il ne tournait plus en cercle autour de sa proie avec des regards fins et une marche cauteleuse, mais il allait droit et ferme, en long et en large, brusquement, frappant du pied et faisant sonner ses talons éperonnés. La chambre tressaillit ; les rideaux frémirent comme les arbres à l'approche du tonnerre ; il me semblait qu'il allait arriver quelque terrible et grande chose ; mes cheveux me firent mal et j'y portai la main malgré moi. Je regardai le Pape ; il ne remua pas ; seulement, il serra de ses deux mains les têtes d'aigles des bras du fauteuil.

La bombe éclata tout d'un coup.

— Comédien ! Moi ! Ah!- je vous en donnerai des comédies à vous faire tous pleurer comme des femmes et des enfants...

*Diferencigaj demandoj :*

1) Kiuj aŭtoroj verkis la ekstraktojn ?
2) El kiuj verkoj venas la ekstraktoj ?

*Rezultato en la venonta fojo.*




# *Strasburgo invitas vin*

partopreni la unuan nacian kongreson komunan por la francaj kaj germanaj esperantistoj. Venu en la Eŭropo-urbon dum pasko 1969. Bonvolu aliĝi eble plej baldaŭ.

Loka Kongresa Komitato

## UNUA FRANCA-GERMANA ESPERANTO-KONGRESO 1969 STRASBURGO

61 a Franca Esperanto-Kongreso — 47 a Germana Esperanto-Kongreso
Pasko 1969 — Vendredo la 4an de aprilo ĝis mardo la 8an de aprilo 1969

## ALIĜILO

| | Membro de UFE s-ro / s-ino / f-ino | Samtempe aliĝas edz(in)o s-ro / s-ino |
|---|---|---|
| Familia nomo : | ........................ | ........................ |
| Antaŭnomo : | ........................ | ........................ |
| Strato : | ........................ | ........................ |
| Urbo : | ........................ | ........................ |

| **Kotizo** | Ĝis 31. 12. 68 | Ekde 1. 1. 69 | Pago |
|---|---|---|---|
| Membro de UFE | F 17,50 | F 21,00 | F .............. |
| Edz(in)o | F 8,75 | F 10,50 | F .............. |
| Junul(in)o malpli ol 25 jara | F 8,75 | F 10,50 | F .............. |
| Duontaga ekskurso al la Vogezoj kaj Alsaca Vinstrato, lundon 7. 4. 69 posttagmeze — aŭtobuso po persono . . . | | F 12,00 | F .............. |
| Tuttaga ekskurso al norda Alsaco kaj Nigra Arbaro, mardon 8. 4. 69 — aŭtobuso po persono . . . . . . . | | F 20,00 | F .............. |
| Kongresaj glumarkoj, 30 ekzempleroj = F 1,00 . . . . . . . . | | | F .............. |
| Donaco al la kongresa kaso . . . . . . . . . . . . . . | | | F .............. |
| | | Sumo : | F .............. |

Ĉi tiun aliĝilon mi sendas al sinjoro Fernand Knecht, 1,Résidence „Les Fleurs", 67 Lingolsheim. Samtempe mi pagas la sumon al la konto de CENTRE CULTUREL ESPERANTO, CCP 499.17 T, STRASBOURG.

---

Ĉu vi deziras partopreni la JUNULARAN SEMAJNON dum la paskaj ferioj ? ☐
Se jes, bonvolu plenigi ĉi tiun aliĝilon kaj fari krucon en la kadreton :
Samtempe pagu la supre menciitan sumon. Poste vi ricevos detalan informon de Junulara Esperantista Franca Organizo pri la programo kaj la necesa krompago. Se vi volas loĝi en la komuna junulara loĝejo, bonvolu ne uzi la apudan „Demande de Logement", sed atendi la mendilon de JEFO.

---

Dato : ........................ Subskribo : ........................

Ĉi tiun mendilon la LKK sendos al la turisma oficejo en Strasburgo.

Prix des chambres dans les hôtels de tourisme: (Taxe et service compris)

| Catégorie | chambre à 1 lit sans bain | chambre à 1 lit avec bain/douche | chambre à 2 pers. sans bain | chambre à 2 pers. avec bain/douche |
|---|---|---|---|---|
| 1 étoile | de 14.– à 16.– F | –.– | de 17.– à 22.– F | –.– |
| 2 étoiles | de 18.– à 23.– F | de 35.– à 40.– F | de 23.– à 28.– F | de 42.– à 48.– F |
| 3 étoiles | de 23.– à 29.– F | de 39.– à 45.– F | de 30.– à 37.– F | de 52.– à 62.– F |
| 4 étoiles | de 30.– à 40.– F | de 45.– à 65.– F | de 50.– à 60.– F | de 70.– à 100.– F |

## PREMIER CONGRES FRANÇAIS-ALLEMAND D'ESPERANTO
1969 STRASBOURG

### Demande de Logement

NOM: ..............................................................................

(prière d'écrire très lisiblement)

ADRESSE EXACTE: ..............................................................................

(pour l'envoi du bulletin de logement qui indiquera où vous serez logé)

I) Veuillez réserver:

.................... Chambres à 1 lit, 1 pers. au prix de ....................F. avec ou sans bain/ douche, catégorie .............. étoile(s)

.................... Chambres à grd. lit, 2 pers. au prix de ....................F. avec ou sans bain/douche, catégorie .............. étoile(s)

.................... Chambres à 2 lits, 2 pers. au prix de ....................F. avec ou sans bain/ douche, catégorie .............. étoile(s)

J'arriverai le .............................................. par rail .............................................. par route

Le départ de Strasbourg aura lieu le ..............................................

En cas de défaillance, je m'engage à régler le prix de la chambre pour une nuit.
Au cas où dans la catégorie demandée une chambre ne devait pas être disponible, le S. I. est autorisé à choisir une chambre dans une catégorie voisine.

Date:.............................................. Signature:..............................................

---

Auberge de Jeunesse de Strasbourg:

Les jeunes (jusqu'à 30 ans) en possession d'une carte de membre des Auberges paient par nuit environ 4 F (plus un versement unique de 2 F pour location du sac de couchage).
Petit déjeuner 1 F.

(Les jeunes sans cartes de membres peuvent se grouper et payer 25 F pour 15 jeunes).

Je demande la réservation de .................... place(s) dans l'auberge

du (arrivée) .............................................. au (départ) ..............................................

date.............................................. signature ..............................................

# 54-a Universala Kongreso de Esperanto

1969 — HELSINKI — FINNLANDO

Sub la alta protektado de D-ro Urho Kaleva Kekkonen, Prezidanto de Finnlando.

*Kongresejo* : en la tre moderna kongresa centro « Dipoli » en Helsinki-Otaniemi. Tie okazos la Interkona Vespero, la Bandeko, la Oficiala Balo, la Junulara Balo, la Libervola Teatra Prezentado, la Arta Varia Vespero.

*Loĝado* : la loĝiga servo de la Kongreso jam provizore rezervis ĉambrojn en divers-kategoriaj hoteloj. La detaloj aperos en la dua bulteno.

Ni atentigas ke la partoprenontoj en la franca peraviadila karavano ne havos zorgojn pri la loĝado, kiu estas entenata en la indikitaj prezoj. Vidu F.E., N° 254, p. 83 a.

*Ekskursoj* : Estas antaŭviditaj tri tuttagaj ekskursoj, ĉiutagaj ekskursoj tra Helsinki kaj du vesperaj ekskursoj per ŝipo. Krome, post la kongreso okazos 4-taga ekskurso al Leningrado ; tiu ekskurso povos esti aldonita al la U.F.E.-karavano.

*Statistiko* : ĝis la 30-10-1968 aliĝis 200 personoj el 31 landoj. Inter ili estas jam 28 el Francujo.

*Filmoj* estas je via dispono ; skribu al office Finlandais du Tourisme, 13, rue Auber - Paris-09.

*Kongreskotizoj* :

| | ĝis 31-12-68 | ĝis 31-3-69 |
|---|---|---|
| 1) Kongresano neindividua membro de U.E.A. | | |
| 2) Kongresano individua membro de U.E.A. kun Jarlibro (MJ) | 98 | 108 |
| 3) Kongresano individua membro de U.E.A. kun Jarlibro kaj revuo « Esperanto » (MA) | 84 | 94 |
| 4) Edz(in)o de Kongresano en kat. | 70 | 80 |
| 5) Edz(in)o de Kongresano en kat. 2) kaj 3). | 42<br>35 | 47<br>40 |
| 6) Junulo ĝis 20-jara | 30 | 32,50 |
| 7) Univers. Stud, ĝis 30-jara. | 49 | 54 |
| 8) Blindulo | 40 | 43,50 |

*Karavano de U.F.E.* Ni atentigas la partoprenontoj, por ke ili sin anoncu kiel eble plej rapide. Tiel ni povos pli facile zorgi pri la diversaj antaŭviditaj aranĝoj.

Tiuj, kiuj jam decidiĝis partopreni, bonvolu sendi antaŭpagon de 500 F. al U.F.E.

---

## La Gastronomia angulo

ĈU VI ŜATAS RIZON ?

Se jes, jen kelkaj receptoj :

*RIZO JE OVOJ* — 6 kulerplenoj da rizo — 8 ovoj — kvaronglaso da lakto — duonkulerpleno da butero — tomatsaŭco — salo — pipro.

Kuirigu la rizon en salita akvo ĝis antaŭ kiam la grajnoj estas misformitaj ; batmiksu la ovojn kune kun lakto, salo, pipro ; elgutigu la rizon ; miksu ĝin kun la tomatsaŭco kaj enmetu en la ovojn ; kuirigu la tuton en pato kun butero ; faldu kaj servu tre varme.

*RIZO KAJ ARTIŜOKAJ FUNDOJ* — 4 artiŝokaj fundoj — 1 bovlo da malvarma kuirita rizo — 10 verdaj olivoj — duontaso da vinagrosaŭco kun mustardo kaj aromherboj.

Senkernigu la olivojn, tranĉu ilin rondpece ; tranĉu kubforme la fundojn de artiŝokoj ; miksu kune la artiŝokojn kaj rizon, olivojn kaj saŭcon ; ornamu per haketitaj aromherboj.

*MITULOJ JE RIZO* — 200 gr. de rizo — 2 litroj da mituloj — saŭco (oleo, citronsuko, freŝa kremo, salo, pipro).

Kuirigu la rizon en salita akvo ĝis antaŭ ol la grajnoj estas misformitaj kaj lasu ĝin malvarmiĝi. Zorge lavu la mitulojn, metu ilin sur la fajro en kovritan kaserolon. Ili estos kuiritaj, kiam ili malfermiĝos. Tiam, forprenu la ŝelojn ; haketu la cepon, preparu la saŭcon kaj miksu la mitulojn, rizon, saŭcon.

*RIZO KAJ PIZOJ* — 260 gr. da rizo — duonskatolo da pizoj — 150 gr. da brustlardo — cepoj — I kulero da butero — salo — pipro.

Kuirigu la rizon ; brunigu kaj kuirigu la cepojn kaj larderojn ; elgutigu la pizojn, miksu ĉion kaj varmigu sur malakra fajro antaŭ ol servi.

*RIZSALATO* — 1 bovlo da malvarma kuirita rizo — 1/2 skatolo da legomomiksaĵo — kuirita viando — 1 taso da majonezo sufiĉe kondimentita.

Etpece tranĉu la viandon ; zorge elgutigu la legomomiksaĵon ; miksu, la tuton kaj aranĝu sur ebena plado.

Kaj nun, bonan apetiton, ĉar rizo estas sana, nutriga kaj malmultekosta nutraĵo... kaj tiom praktika !

(Receptoj senditaj de S-ro Jaro. En tiu rubriko, ni deziras aperigi *viajn* receptojn ; sendu ilin al la respondeculino, S-ino J. Vincent, rue des Oiseaux, 27 - Les Andelys.

---

## Korespondpetoj

S-ro FUKSZ, Zoltàn, Cserzy M. u. 3, SZEGED (Hungario) deziras interŝanĝi p.m. kun francaj filatelistoj.

S-ro KING, 3, St. Helens Road, HARROGATE (Yorks), Britujo, estas sesdekjara anglo kiu deziras korespondi pri ĉiuj temoj de plenkreskuloj.

S-ro TURKOWSKI Tadeusz, strato Wojska Polskiego 42/9 en ELK (Pollonda), 45-jara instruisto, interesiĝas pri muziko, pedagogio, kolektas diskojn pri popola muziko.

# ECHOS DE LA PRESSE... ECHOS DE LA PRESSE...

La « PRESSE DE GRAY » et le « BIEN PUBLIC », Dijon (9.10.68) ont consacré chacun un long article à la rencontre internationale organisée à Gray par le dévoué président de l'Amicale espérantiste de la région de Gray, M. Junier. Parmi les personnalités présentes à cette manifestation il convient de noter M. Vitter, député-maire de la ville, qui, dans son allocution de bienvenue aux nombreux participants a rappelé l'action efficace de l'Amicale notamment sur le plan touristique. Et il a ajouté « l'espéranto est malheureusement trop méconnu mais doit se développer, pouvant servir de pont entre tous les peuples, tout en conservant aux nations leurs coutumes qui font leur propre valeur ».

« LE COURRIER CAUCHOIS » du 26 octobre a relaté l'intéressante soirée d'information organisée par le centre culturel d'Yvetot sous la présidence de notre ami Marcel Bosc.

« LE COURRIER DE VALENCIENNES » du 26 octobre « Week end valenciennois pour les espérantistes de Duren »...

« SOURIONS UN PEU »...

*Ulu ve yigit turk halkina samimi dostluklarimla fransa' nin felamlarini funarim yasasin turkiye ».*

Encore une nouvelle langue internationale, direz-vous ? A première vue, voilà une langue barbare, hybride, artificielle etc... diraient les « opposants inconditionnels » de l'espéranto. Et bien non ! c'est... du turc ! et cette phrase a été prononcée par le Président de la République dont on connaît les talents linguistiques. Cela veut dire « En toute amitié j'apporte au grand et vaillant peuple turc le salut de la France »... Et « L'Aurore » du 30 octobre 1968 de noter : « les Français désormais apprendront le turc. Depuis que le général voyage, c'est fou ce que les Français enrichissent leur connaissance des langues vivantes ! Ils passaient jadis pour ne savoir que la leur, et encore ! Heureusement, de capitale en capitale (en dehors du volapük !) l'assurance a été donnée qu'ils en apprendraient de plus en plus. L'allemand, le portugais, l'espagnol, le russe, le polonais, le roumain etc... ».

# Espéranto et Culture

OFICIALA ORGANO DE G.E.E.
Redaktas : S-ino J. VINCENT, rue des Oiseaux. 27 - Les ANDELYS
Materialon por « Esperanto et Culture » oni sendu antaŭ la 5-a de la antaŭa monato

## SEMINARIO POR KURS kaj GRUPGVIDANTOJ EN GRESILLON

La geinstruistoj, kiuj interesiĝas pri la Esperanto-instruado en lernejoj, bonvulu respondi la jenajn demandojn :

1) Ĉu vi opinias utila la aranĝon de seminario por kursgvidantoj ?
2) Se jes, kion vi ŝatus trovi en tia seminario ? (*)

- prelegojn pri pedagogio de la lingvoinstruado
- praktikajn lecionojn
- diskuton pri lernolibroj
- prezentadon de aŭdvidaj metodoj
- aliaj sugestoj :

3) Kion vi mem povus alporti ?
4) Ĉu vi jam instruis Esperanton en lernejo ?
5) Ĉu vi estas preta tion fari ?
6) Kiam vi ŝatus partopreni tian seminarion ? (*)

- 16-23 Februaro 1969
- 23 Februaro - 2 Marto 1969
- Pasko 1969
- Julio 1969
- Septembro 1969

Nomo kaj adreso :

Dato kaj subsbribo :

Bonvolu sendi la respondojn tuj al S-ino Vincent (adreso supre).

*(*) Bonvolu signi per kruco, kion vi deziras.*

# RECENZOJ

### HENDRIK ADAMSON

*Vesperkanto — Adamson kaj lia verko — Enkonduko de Hilda DRESEN — Beletra Kajero nº 30-a eldonita de STAFETO — 12 × 18,5 cm — 132 p. — Prezo : 7,50 F.*

Hendrik ADAMSON estas ne nur orginala esperanto poeto, sed ankaŭ bonega estona poezi — kaj prozverkisto. La gamo de la Vesperkanto laŭ la taŭgaj vortoj de Kalocsay « varias inter milde adora voĉkareso kaj la blanka ardo de erotiko solviĝinta en ĝojlarma feliĉo ». Kaj jen « lia rifuĝo al la Naturo ». Oni povas aldoni, ke alian rifuĝon li trovis en esperanto kaj esperantismo, kie li estis incitita reblovi en sin mem la fajron de vivdeziro. Li klarigis sian esperantistiĝon skribe al Helmi DRESEN (post la jaro 1927) : « Mi tiom alkutimiĝis al sortobatoj kaj al krudeco de homoj, ke mi ne kuraĝas imagi, ke ekzistas en la mondo io pli bona kaj pli nobla ». Feliĉe, li « ekmemoris pri esperantistoj. Jen ili oferas sin por nobla ideo de tutmonda amo, paco kaj frateco, jen ili interrilatas inter si kvazaŭ membroj de unu familio ». Li aldonas « kaj konsiderante tion, mi fariĝis esperantisto ».

En VESPERKANTO ni kunpromenas kun ADAMSON en la kamparo tra la kvar sezonoj :

« Bril' tril', el ekzil' la alaŭd' revenis,
« Hel', Bel', la abel' en labor' ekpenis,
« Lum', zum', al ovum' birdoj jam rapidas,
« Hum', fum', sun-orum', la kampar' ekridas ».

Nokte, ĉio estas trankvila :

« Staras betuloj duvice,
« Susuras en vento vespera,
« Floroj odoras delice,
« Murmuras ondaro rivera ».

Kelkfoje, la poeto severe juĝrigardas homaron. Li akre atakas :

« Jen mi, moderna Diogeno,
« Loĝanta mian barelon,
« Vi, homoj, flanken : sen ĝeno,
« Ĉe l'sun' mi varmigu orelon ».

Alifoje, arda amfervoro kor-ĉe-kora donas al la viro pli da altgrada energio, pli da raviĝo de la animo :

« Ho, ĉi tiu hor'
« De volupt-ekflor',
« Kune ĝoj', dolor',
« Kune rid' kaj plor',
« Arda amfervor'
« Ĝis la krev' de l'kor',
« Kaj post ĝi langvor',
« Dolĉo de memor' ».

Sed ne estas eble elĉerpi la riĉaĵojn, kiuj abundas en VESPERKANTO. Ĉiu plia legado plimultigas kaj elkreskigas imagbildojn, sentojn multfacetajn kaj pensojn ĉiuspecajn. Jen plia pruvo, ke Esperanto taŭge fariĝas lingvo de poetoj, mi volas diri lingvo superhomeca, alivorte superlingvo.

Robert MARTIN.

●

### BIBLIA REVUO

*Marto/aprilo 1968 — IV-jaro nº 2 — 64 paĝoj — 17 × 24 cm — dumonata — jarabono : 30 F. pere de U.F.E.*

**Kiu verkis la Kvaran Evangelion ?**
(G. RUST, Southampton)

Ĝenerale la tradicio atribuas la aŭtorecon de la 4-a Evangelio al la apostolo JOHANO, dua filo de ZEBEDEO. Unuflanke, tiutempe, la nomo JOHANO estis tre populara, aliflanke, la Evangelio laŭ JOHANO estas tute alimaniere komponita ol la tri aliaj (tiel dirite « sinoptikaj ») kaj kun tute alia spirito ; krome kelkaj tiutempuloj asertas ke JOHANO tre frue mortis (ambaŭ filoj de Zebedeo martiriĝis...) certe antaŭ ol li havis la tempon verki la Evangelion, sed aliaj ke li maljuniĝis en Efeso. La aŭtoro esploras, ĉu la verkisto de la 4-a Ev. povus esti memvidanto laŭ liaj priskriboj ; li komparas la vortouzon kun tiu de la gnostikanoj, kaj la stilon kun tiu de la aliaj ; li provas taksi la antikvecon de la verkisto. Li tamen ne faras konkludon, sed lia studo estas tre pensiga.

**La kanto pri la Perlo**
(D. BROADRIBB, Melbourne)

Prezentado de pli ol ducent-versa poemo el la « Agoj de Judas Thomas » apokrifa gnostika biografio pri la apostolo THOMAS la Sanktulo. La aŭtoro, per helpo de la gnostika filozofio, montras ke la priskribitaj aventuroj estas nur simbolaj, kiuj kovre kaŝas alian filozofian signifon, kaj tiun elkriptigas.

**La dokumentoj de MARI kaj la Prapatroj**
(THOMSON, Melbourne)

Temas pri la prapatroj de Izraelo. La aŭtoro analizas la eblajn influojn de la Ĥurianoj kaj de ties antaŭuloj la Amoridoj. Post ampleksa esploro pri la antikva juro de tiu regiono, la aŭtoro opinias, ke ni trovos informojn pri la Abrahama migrado kaj la Izraelaj prapatroj, plej probable en norda Mezopotamio, norde de Mari, inter Tigro kaj Mediteraneo.

**KUTIMAJ RUBRIKOJ :** Recenzoj pri fakaj libroj kaj revuoj ; Informoj pri Bibliaj Organizaĵoj kaj Fakuloj.

●

### KEMIO INTERNACIA

*Vol. 3-nº 3 — kvarmonata — 80 p. 16 × 22 Jarabono : vol 3a : 7,50 F. ; Vol. 4a : 10 F. Unu ekz. : 2,50 F. pere de U.F.E.*

**La Germana Muzeo kaj la ebleco prezenti la kemian teknikon** (MAIERHOFER, Okc. germanujo) :

La nova fako (1961) pri kemia tekniko en la industrimuzeo de Munkeno havas demonstran kaj pedagogian rolojn cele al laikuloj. Ĝi estas kombino de la franca « Palaco de la Malkovro » (kie per prembutono oni ekfunkciigas aparatojn kaj reakciojn) kaj de la pariza muzeo pri « Artoj kaj Metioj » (kie oni montras historiajn prototipojn).

**Acidoj kaj bazoj** (CORTINA, Meksiko) :

Post historia supervido, la aŭtoro detale priskribas la teoriojn de ARRHENIUS, BRONSTED kaj LOWRY : kapablo doni aŭ akcepti protonon, kaj de LEWIS : donado kaj akceptado de elektron-paroj. Plie : mezurado de acidec — kaj alkalec — valoroj.

**La modernaj aparatoj por produktado de Oksigeno kaj Nitrogeno** (ROLET, Francujo) :

En tiu dua parto la aŭtoro montras la striktan interrilaton inter la teknologio de la diverstipaj varmintersanĝiloj kaj la solvoj pri sekigo kaj senkarbonatigo de la traktata aero.

**Geokemia priskribo de tri hungaraj baŭksitkuŝejoj** (DUDICH, SILKLOSI, Hung.) :

La aŭtoroj realigis kompletan geokemian statistikan studon de 3 gravaj hungaraj baŭksitkuŝejoj rilate al Al, Si, Fe, Ti, Ca, Mg, P, S, Zr, Be, Th, Cr, Mn, Sr, Nb, Mo, B, F, kaj serĉis korelaciojn karakterizajn (kun 4 tabeloj kaj 24 diagramoj).

**Kunpolimerigado de etileno kun ne saturitaj grasacidoj kaj pingumaj kombinaĵoj** (VETTER, Usono) :

Celo : utiligi kamparajn produktojn. Por tio 16 monomeroj estis selektitaj kun malsamaj kemioklasigoj ; plej parto estis komerckvalitaj. (kun 9 tabeloj kaj 4 diagramoj).

**Kaj la kutimaj rubrikaj informoj.**

J. MANCEAU.

# VIVO DE NIAJ GRUPOJ

**LES ANDELYS.** — La 15-an de decembro okazis la kutima kunveno de la grupo kun du prelegoj pri Turkujo kaj Hispanujo.

**ARRAS.** — Post vojaĝoj tra 24 aziaj kaj eŭropaj landoj, indonezia esperantisto — Sro E. Sunardo — vizitis aktivulojn en Arras, Croix kaj Bruselo.

Kunlabore kun la Norda federacio, la 9-a markola kongreso okazos en Bruĝo (Belgujo) - la 3-an kaj 4-an de majo 1969.

**CALAIS.** — Renkontiĝo okazis dimanĉon la 6-an de oktobro kun partopreno de eksterlandaj geamikoj kaj akcepto ĉe « Maison du Tourisme ».

**LILLE.** — Estos E-tago en la kadro de la internacia komerca foiro de Lille (8-a ĝis 19-a de majo 1969).

**LYON.** — La Esperantista Societo de Liono reaktiviĝis jam en lasta septembro ; la kunvenoj okazas la unuan merkredon kaj la trian dimanĉon ĉiumonate resp. je 20 h. 30 kaj 10 h. 30.

La grupo okazigas kvin esperanto-kursojn en kunlaboro kun la tiea Fervojista Grupo. Skribu je la adreso de la societo, 7, rue Major-Martin, Lyon-I° - 69.

**ROUBAIX-TOURCOING.** — Gastoj el 6 landoj partoprenis aktualajn debatojn en la loka rondo, kaj la regiona gazetaro favore raportis.

Faka kunveno temis pri numismatiko, kun la partopreno de portugala (M. A. Alberto) kaj franca kolektantoj (M. Delcourt).

Vojaĝ-impresoj pri Berlino kaj Madrido estis en la programo de la fest-kunsido.

La mesaĝo de Jean Rostand (F.-E. 254, p. 81-a) fariĝis la temo de la traduk-konkurso.

## 21-a KONGRESO DE I.F.E.F. EN AVIGNON (17-23 majo 1969)

oficiala adreso : 15 rue Guillaume Puy, en Avignon al kiu oni petu informojn kaj aliĝilojn. Estas antaŭviditaj ekskursoj tuttaga al ARLES kaj suda marbordo tra kamarga regiono, duontagaj al ORANGE kaj FONTAINE-de-VAUCLUSE, kaj al UZES kaj PONT-DU-GARD. Krome estas planita vizito teknika al la lokomotiva remizo.

## TOURING-CLUB DE FANCE

### Reprise des cours publics d'Esperanto

Le T.C.F. ouvre un cours public et gratuit le vendredi, de 19 à 20 heures, à son siège, 65, avenue de la Grande-Armée à Paris.

La séance inaugurale de ce cours aura lieu le vendredi 24 janvier 1969, à 19 heures, en présence de représentants du T.C.F. et de U.F.E.

## FILATELA ANGULO

La ĉi-jara (54a) eldono de la katalogo de poŝtmarkoj de la firmao Thiaude enhavas enciklopedian studon pri la unuaj eldonoj de Francujo (antaŭ 1900). Tiu studo estos, jaron post jaro, kompletigita. Sed estas la unua fojo, kiam tia studo estas aperanta en tia katalogo.

La ekstera aspekto de tiu katologo estas ĝisdatigita : la formato estas 133 × 183 anstataŭ 123 × 257, kaj pro tio pli simila nun al libro.

Tiu katalogo sekvas la aktualaĵojn, kaj jam indikas prezojn por la p.m. eldonitaj de la Komecaj Ĉambroj (pro manko de oficialaj p. m. dum la striko de majo-junio 1968.

Tiu katalogo estos kvazaŭ « vortaro » sed pli certe bona gvidilo de la kolektanto ; ĝi reprezentas naŭ monatojn da laboro ; malgraŭ ĝia amplekso (552 paĝoj), ĝi kostas nur 5 F.

Malgraŭ la alfabetaj repertuaroj, kiuj ebligas trovi rapide la numeron de iu p.m., oni tamen povas bedaŭri, ke tiu numerigado ne sekvas la kronologian aperon de la p.m., se ne laŭ la simpla maniero de la sveda katalogo FACIT, almenaŭ laŭ la grandaj kategorioj de kolektado ĝenerale akceptitaj (poŝto, kromafrankoj, ktp...).

J.-A. ROUSSEAU.

Jen bona afero por via monujo...

FARIĜU

# DUMVIVA MEMBRO de U. F. E.

— Vi pagos unufoje por ĉiam unu el la jenaj kotizoj... ⟶

— Vi tie! finance subtenos U.F.E. kaj evitos la estontajn kotizaltiĝojn !

DUMVIVAJ MEMRBOJ

| | |
|---|---|
| Membro-abonanto : | 600 F |
| Membro-subtenanto : | 900 F |
| Membro-patrono : | 1.500 F |

FARU TUJ POŜTĈEKON AL LA KASISTO DE VIA LOKA SOCIETO !

---

Dum viaj kulturaj kunvenoj kutime okazas paŭzo...

Kion vi faru dum tiu interakto ?

Vi disvendu la famajn

# SURPRIZSAKETOJN

Petu **SURPRIZSAKETOJN...** Petu **SURPRIZSAKETOJN...**

**Mendu ĉe U.F.E. : 1 F, 2 F, 3 F, 4 F, 5 F, k.t.p... k.t.p...**

---

Legu... Legu plu... Legu en via fotelo, en via lito, en via banujo...

Legu en la buso, en la trajno, en la aviadilo... **LEGU... LEGU...**

**La libroservo de U.F.E. povas kontentigi ĉiujn legemulojn !**

**LA NAŬZO**
de J.-P. SARTRE
Trad. R. Bernard
**16,50 F**

**MALSATA ŜTONO**
de R. TAGORE
El la bengala
Trad. L. Sinha
**18,40 F**

**SEKRETOJ DE LA MARESTAĴOJ**
de P. GIUNIO
**7,50 F**

**MENDU ĉe U.F.E.** **MENDU ĉe U.F.E.**

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie Coconnier — C.P.P.P. N° 21.756 — Le Gérant : A. BOURDEAUX.